III Jaro - XXXIII Num.
★ Oktobro.—1919 ★
★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo :-: :-: :-:
:-: :-: :-: de "Zamenhofa
kaj Andaluzia Federacioj,,



S-RO EUSEBIO SENRA
Subkolonelo de la 21.ª Infanteria Regimento
Prezidanto de la Grupo «Frateco», Zaragoza

# LA KREADO

HINDA POEMO

I

Ombraj nebuloj, en kies internaĵo bolas la fulmo, kronas la altegajn pintojn de l' *Himalaya*, kaj super la ebenaĵoj sterniĝantaj ĉe ĝiaj piedoj flosas opalkoloraj nuboj verŝantaj sur la florojn roson el perloj.

Sur la klara ondo de l' *Ganges* balanciĝas la simboliganta floro de l' lotuso, kaj en la riverbordo atendas sian oferoton la gavialo, verda kiel la folioj de la riverplantoj kaŝantaj ĝin je la okuloj de l' vojaĝanto.

En la hindaj arbaroj estas arboj gigantaj kies branĉaro estas kvazaŭ pavilono por la laca pilgrimanto, kaj aliaj kies ombro mortiga portas lin de l' dormo al morto.

La amo estas ĥaoso el lumo kaj malheleco; la virino, miksaĵo el ĵurrompitaĵoj kaj amemo; la viro abismo el grandeco kaj malgrandeco; la vivo, fine, kvazaŭ ĉeno el kiu iuj eroj estas feraj, kaj aliaj oraj.

II

La mondo estas vivanta absurdaĵo vaganta tra la spaco kaj mirigánta siajn loĝantojn.

Ne serĉu klarigon pri ĝi en la *Vedaj* atestantaj frenezaĵojn el niaj prapatroj, nek en lo *Puranaj* en kiuj amasiĝas malsaĝaĵoj sur malsaĝaĵoj pri ĝia deveno, ĉiuj vestantaj la mirigantajn ornamaĵojn de l' poezio.

Aŭskultu la historion pri la Kreado tiel kiel estis malkaŝata al pia bramano fastinta tri monatojn ekstaza kaj kun la montrafingroj ĉielen.

III

*Brahma* estas punkto de la cirkonferenco; de tiu ĉi punkto ĉio deiras, al tiu ĉi punkto ĉio alvenas. Ĝi ne havis komencon, kiam la spaco kaj la tempo ne ekzistis, la *Maya'* flosis ĉirkaŭ *Brahma* kiel malklara nebulo, ĉar li, ekstaza je si mem ankoraŭ ne estis atentinta naski ŝin per siaj deziroj. Kiel ĉia kaŭzo, *Brahma* laciĝis je tiu ekstazo kaj levis la okulojn de unu el siaj kvar vizaĝoj kaj vidis sin mem, kaj malfermis kolere tiujn de alia kaj revidis sin, ĉar li staris ĉie, kaj li estis ĉio.

La bela virino kiam poluras la ŝtalon kaj rigardas sian bildon, ravas sin mem; sed fine serĉas aliajn okulojn al kiuj ŝi direktos la siajn, kaj, se ŝi ne estus trovinta ilin, ŝi enuas.

*Brahma* ne estas vana kiel la virino, ĉar li estas perfekta. Komprenu lian enuon rigardante sin sola, sola meze la eterneco kaj kun kvar paroj da okuloj por sin vidi.

IV

*Brahma* unuan fojon deziris, kaj lia deziro naskanta la kreontan *Maya*, kiu lin envolvis, faris naskiĝi el ŝia internaĵo miliardoj da lumaj punktoj similaj je tiuj atomoj mikroskopaj kaj brilantaj kiuj flosas en la sunradio trapasanta la foliaron de l' arbo. Tiu ora polvo plenigis la vakuon kaj ĝia agitiĝo produktis miliardaron da estaĵoj destinataj kanti himnon glorantan la kreinton. La *grandharvas*, ĉielaj kantantoj, kun belegaj vizaĝoj, kun flugiloj kun nuancoj milkoloraj, per siaj ridegoj sonoraj kaj infanaj ludoj, atingis la unuan rideton de *Brahma*, kaj de tiu rideto burĝonis la Edeno. La Edeno kun siaj ok cirkloj, la testudoj kaj la elefantoj subtenantaj ĝin, kaj sia sanktejo en la supro.

V

La infanoj ĉiam estis infanoj: gajaj, malkvietemaj kaj nekorekteblaj, unue kontentigas; horon poste konfuzegas kaj fine tedas. Same devis okazi al *Brahma*, kiam, desaltante de l' giganta cigno, kiu kvazaŭ neĝblanka ĉevalo lin portis tra la ĉielo, lasis tiun skandalamason el *grandharvas* en la subaj cirkloj kaj iris en la internaĵon de sia sanktejo.

Tie, kie neniu perdita eĥo alvenas, nek oni aŭdas la plej subtilan brueton; kie regas la majesta silento de l' soleco, kaj ĝia profunda kvieteco invitas al meditado,

*Brahma* serĉanta distrajon per kiu mortigi sian enuon eternan, ferminta la pordon turnante du fojojn la ŝlosilon, sin dediĉis al la alĥemio.

VI

La tersciuloj pasigantaj sian vivon kurbigitaj super antikvaj pergamenoj; tiuj kiuj sin ĉirkaŭigas el multenombraj objektoj misteraj, kaj tiuj kiuj konas lo strangajn proprecojn de l' multekostaj ŝtonoj, la metalojn kaj la kabalajn parolojn, efektivigas per tiu ĉi scienco aliformigojn nekredeblajn. Ili faras diamanton el karbono; el argilo, oron; disigas elementojn formantajn la akvon, aŭ tiujn de la aero; analizas la flamon kaj elĉerpas el fajro sekreton pri l' vivforto kaj lumo.

Kaj tial ke ĉion ĉi tion atingas simpla homo mizera per reflekto de sia sperteco, komprenu, kvankam momente, tion kion estis faranta *Brahma*, kiu estas fundamento de ĉia scienco.

VII

Samtempe kaj subite li kreis la kvar elementojn kaj ankaŭ iliajn gardantojn: *Agni'n*, kiu estas la spirito de la fajro; *Vagu'n*, kiu blekadas, rajdanta sur l' uragano; *Varuna'n*, kiu konas kaj regas la internajojn de l' mondoj, kaj vivas ĉe la kreo mem; *Prithivi'n*, kiu regas la oceanojn.

Poste li enigis en ujojn el substanco trans vidigebla kaj neniam vidita, ĝermojn el ajoj senmateriaj kaj netuŝeblaj: pasiojn, dezirojn, fakultojn, virtojn, dolorojn kaj ĝuojn, fundamentojn je morto kaj je vivo, je bono kaj je malbono. Kaj li ĉion disdividis laŭ specoj, kaj ĉion klasigis ravdiligente, metante sur ĉiu ujo surskribajon.

VIII

La knabetaro, surdigante dume per siaj kriadoj kaj bruigantaj ludoj la malsuprajn cirklojn de l' Paradizo, rimarkis la foreston de sia mastro. Kien li estos?—ekkriis iuj. Kion li faros?—diris aliaj; kaj kreskigis la deziregon de l' kuriozuloj kolonoj el nigra fumo, kiujn ili vidis eliri laŭ grandegaj spiraloj el laborejo de *Brahma*, kaj ankaŭ fajraj globoj ĵetitaj de la sama loko, turniĝantaj, al la vakuo, en kiu la fajra globaro rondiris tra vojo lumiganta kaj mirigantа.

IX

La imago de la knabetoj estas ĉevalo, kaj kuriozeco estas sprono pikanta ĝin kaj ĝin antaŭenpuŝanta tra la plej neeblaj projektoj. Instigitaj de la kuriozeco la mikroskopaj kantantoj, ekrampis sur la kruroj de l' elefantoj subtenantaj la cirklojn de l' ĉielo, kaj de unu en alian, ili alvenis al mistera ĉambro, en kiu *Brahma* restadis ankoraŭ mirigita de siaj sciencaj spekulacioj.

Atingita de ili la supro, la plej kuraĝaj, ĉe la pordo, kaj iu tra la truo de l' seruro, aliaj tra la fendoj kaj najltruoj de la pordtabulo, kies lignajoj estis malbone kunigitaj, direktis siajn rigardojn en la vastegan laborejon, kiun celis ilia kuriozeco.

La spektaklo kiu montriĝis, surprizis ilin.

X

Tie estis disigitaj, senorde, senharmonie, potoj kaj ujoj grandegaj je ĉiaj formoj kaj koloroj. Trabajoj por mondoj, astraj ĝermoj kaj lunfragmentoj kuŝis amase kun homoj mezmodelitaj, kun monstraj bestoj ankoraŭ ne finitaj, kun malklaraj pergamenoj, grandaj libroj kaj strangaj aparatoj. La muroj aperis plenaj je geometriaj figuroj, je kabalaj signoj kaj je magiaj formuloj, kaj en la centro de ĉambro, en giganta kuprapoto, staranta sur neestingebla fajro, bolis bruege milaroj da substancoj nenomitaj; el kies perfekta kombino estos elirontaj perfektaj kreajoj.

XI

*Brahma*, al kiu apenaŭ sufiĉis la ok brakoj kaj dekses manoj liaj por ŝtopi kaj malŝtopi vazojn, por agiti fluidajojn, kaj removi miksajojn, de tempo al tempo prenis grandan tubon, kvazaŭ ĝi estus armilo, kaj same kiel la infanoj faras globojn el sapo

per sekaj tritikkanoj, enigis la tubon en la fluidaĵon, kliniĝis al abismoj kaj metanta unun el la pintoj de la tubo sur siaj lipoj blovis, tuj aperis en la alia pinto brulruĝa globo, kiu ekfalanta ekturniĝis sur sia akso kaj je la takto de la aliaj flosantaj jam ĉe l' spaco.

XII

Klinita al senfunda abismo, la kreanto rigardadis ilin ameme, kaj tiuj mondoj lumhavaj kaj perfektaj, loĝataj de estaĵoj feîĉaj kaj belegaj tiel kiel neebla estas priskribi, de astroj, kiujn, similaj je sunoj, ni vidas ankoraŭ dum serenaj noktoj, kantadis himnon ĝojan al sia Dio, turniĝantaj sur siaj aksoj el diamanto kaj el oro je majesta kaj solena kandeco.

La malgrandaj kantantoj, nekuraĝiĝantaj eĉ spiradi, rigardis sin reciproke konfuzitaj de miro kaj timo pro tiu grandioza spektaklo.

XIII

Farado de eksperimentoj lacigis *Brahma'n* kiu forlasis la laborejon; fermis ĝian pordon kaj enpoŝigis la ŝlosilon, kaj de nove rajdis sur sia cigno por spiradi puran aeron. Komprenu lian grandan priokupecon sciante, ke kvankam li ĉion vidas kaj ĉion scias, li ne rimarkis, ke li fermis la pordon false. Sed la nekvietema kantantamaso tre bone tion rimarkis, kaj kiam lin vidis jam tre malproksima, kredantaj sin solaj, iu iomete post iomete internenŝovis la pordon; tiu ci antaŭenigas la kapon, tiu duonpaŝas internen, kaj fine, ĉiuj invadas la laborejon kaj baldaŭ estis en ĝi kiel ĉe ili.

XIV

Priskribi la scenon okazintan tiam estas neeble.

Unue ili inspektis ĉiujn objektojn kun granda miro, poste kuraĝis ilin tuŝi, kaj fine faris ĉiajn malsaĝaĵojn. Ili ĵetis pergamenojn al la fajro por nutri la flamojn; malŝtopis la potegojn kaj vazojn kaj eĉ iujn rompis; dismovis ĉi tiujn kaj verŝis iliajn fluidaĵojn, kaj farintaj, provintaj kaj amasigintaj ĉion, iuj sin pendigis de l' sunoj kaj steloj ankoraŭ ne plene faritaj kaj pendantaj je la arkaĵo por atingi ilian sekecon; aliaj rampis sur la ostaroj de la gigantaj bestoj kies formojn ne ŝatis la Majstro. Kaj ili eltranĉis foliojn el la libroj por fari mitrojn el papero. kaj metis la cirkelojn inter siaj kruroj, kvazaŭ ĉevaloj, kaj rompis batalante la virtajn vergojn uzante ilin kvazaŭ lancoj.

Fine, lacaj pro tiom da agoj, ili decidis fari mondon tiel kiel ili vidis fari iujn.

XV

Jen granda ĝojego, konfuzo kaj ridegoj. La kuprapoto estis brulruĝa. Iu alvenis kaj verŝis en ĝin fluidaĵon, kaj tuj ekleviĝis kolono el fumo. Poste alvenis alia kaj verŝis misteran eliksiron el poto tre penade portita de li, ĉar ju pli granda ĝi estis, des pli malgranda estis la portanto alvenanta ĉe l' bordo de la kuprapoto preskaŭ nespiranta. Je ĉiu nova substanco ĵetita aŭ verŝita, altenelirís el la kuprapoto flamaroj bluaj kaj ruĝaj kiujn salutis la knabetaro per entuziasmaj krioj kaj senfinaj ridegoj.

XVI

Tie, ili miksis ĉiujn elementojn el bono kaj el malbono, la ĝojon kaj la doloron, la malbelecon kaj la belecon, la sindonemon kaj la egoismon, la ĝermojn de l' glacio, destinitaj al mundoj faritaj por ke la malvarmo estu ĝuo por iliaj loĝontoj, tiujn de la varmo, faritaj por globoj kies estaĵoj ĝuos ĉe la flamoj; kaj miksis la diajn fundamentojn, la spiriton kun la materio maldelikata, la argilon kaj la koton; miksante en sola fitrinkaĵo mem la senpovecon kaj la dezirojn, la grandecon kaj la malgrandecon, la vivon kaj la morton.

Tiuj elementoj, tiel kontraŭaj, repuŝis sin reciproke ĉe la fundo de la kuprapoto.

XVII

Farita la miksaĵo, unu el ili eltranĉis el unu de siaj flugiloj plumon, tranĉis per la dentoj la harojn kaj ĝin enigis en la fluidaj-



INTERNAĴO DE LA KATEDRALO.—SEVILLA

on, kaj kliniĝinta al la senfunda abismo blovis, kaj tial aperis mondo. Mondo malbelforma, nelumhava, platigita ĉe la polusoj, turniĝanta strangmaniere, kun montoj el neĝo kaj sablejoj varmegaj, kun fajro en la internaĵoj kaj oceanoj supraje, kun kaduka kaj malhumila homaro kun Diaj aspiroj kaj kota malforteco. La mortprincicipo detruanta ĉion ekzistantan, la vivprincipo kun ekoj je eterneco, rekonstruanta mortintaĵon el ĝiaj restaĵoj mem, nekonsciebla absurdaĵo: nu, nia mondo.

La knabetoj formantaj ĝin, rigardantaj ĝin turniĝantan tiel groteske, ĝin salutis per grandega ridego, kies eĥon oni aŭdis de ĉiuj ok cirkloj de la Edeno.

XVIII

*Brahma*, aŭskultinta tiun eĥon, rekonsciiĝis kaj vidis okazantaĵon kaj ĉion komprenis. Indigno fulmis el liaj pupiloj; lia kolerigita voĉo tondrigis la ĉielon kaj timigis la knabetaron, kiu forkuris, teruriĝis kaj disiĝis pro piedbatoj liaj; kaj jam li estis levinta la manon kontraŭ tiu malbelforma kreitaĵo por ĝin detrui; jam la sola ekatenco kaŭzis al ĝi tiun grandan katastrofon, kiun oni nomas diluvo, kiam unu el *grandharvaj*, la plej malkvietema sed la plej bela, sin ĵetis surgenuen ĉe liaj piedoj kaj inter ploroj petis je li: «Majstro, Majstro, ne rompu nian ludilon!»

XIX

*Brahma* estas serioza, ĉar li estas Dio, kaj tamen li estis devigata fari grandan penon, andinta tiun peton, por eviti la eksplodon de l' rido elmontriĝanta sur siaj lipoj. Fine, retrankviliĝinta li ekkriis: «Iru senkonscienca kaj nekorektebla knabetaro, marŝu ien kun via malbelforma kreitaĵo, ke mi neniam vin vidu. Tiu mondo ne devas, ne povas ekzisti, ĉar en ĝi eĉ la atomoj batalas kontraŭ la atomoj; sed marŝu, mi rediras; mia espero estas, ke ĝi en viaj manoj ne daŭros multe!»

Ĵus dirinta *Brahma*, la knabetoj, antaŭenpuŝantaj unu la alian kaj ridegantaj freneze, kaj kriadantaj ĝis raŭkiĝi, sin direktis post nia globo, kaj ĉi tiu frapas ĝin tie, kaj alia skrapas ĝin ĉi tie... De tiam rulas ili kun sia kreitaĵo tra la ĉielo, mirigante la aliajn mondojn kaj kolerigante iliajn loĝantojn.

Feliĉe por ni, *Brahma* anoncis la finon de tiu mondo, kaj tiel okazos. Nenio estas pli malforta kaj samtempe pli timinda, ol la manoj de l' infanoj: ludilo ne povas daŭri multe en iliaj manoj.

Hispane verkis,
*Gustavo A. Bécquer*

Esperantigis: *Ĉu ŝi-ĉu li.*

---

## RIMARKIGO

Ĵus translokiĝis la presejo de ĉi tiu revuo; la nova adreso estas, strato SAN LUCAS, n-ro. 5, Madrid; ĉiuj devas atenti pri la anonco «Zamenhofa Federacio» por rilatoj kun ĉi tiu Federacio kaj ĝia oficiala organo.

---

## LA ENVIO

Grandan ribelon kaŭzis kontraŭ Dio,
laŭ oni diras, tiu forta sento
malamika de gloro kaj talento,
de riĉec', de beleco kaj de scio.

Laboradanta kontraŭ ĉio kio
de bon' alia estas fundamento
ja kiel veneniga la serpento
tre timiga malvirt' estas l' envio.

Por vundi ĝi forlasas ĉian timon,
ĝin nur plaĉas la ĝemo kaj la ploro,
kaj nur ekster la Ter' ĝi trovas limon;

ĝi kovas filojn en malgranda koro,
ĉu vundas korpon, ĉu vundas animon,
la Mondon mallumigas per doloro.

*Rafael de San Millán*

# KASTILJIO

## ROMANCOJ

### KAMARADO, KAMARADO!...

Edziniĝis mia bela amikino...

Edziniĝis kun vilaĝan';
tial, jen ĉagreno mia!

kaj tiel kantadas malĝoje, same kiel malĝoja estas la unua konvinkiĝo pri ne sukcesinta espero, la belega romanco, la malfeliĉa amvundito volas forveturi el sia vilaĝo. Li hontiĝas tial ke iu vidos lin. Li forkuras el ĉio ŝatata de li, el ĉio altiranta lin

Iri, por fariĝi maŭro,
al maŭra lando deziras;
al kristano renkontota,
li deprenos vivon lian!

Forkuras el anguloj, el konfidencioj, el antikvaj kaj firmaj amikecoj, el ŝercoj de malsaĝuloj, la malfeliĉulo perdinta kontakton kun la promeso, kun la konfido kaj kun la iluzio. Edziniĝis kun alia – ne kun li—lia bela amikino. Li ne tion diras, sed en la internajo, samtempe amas kaj malamas sian kontraŭulon. La brakoj de la amikino subtenas la kolon de ĉi tiu; dum la nokto, ili miksas siajn spirojn, kuŝantaj la kapoj sur la sama kapkuseno; je la tagiĝo, la bela amikino ekvekiĝas dolĉe sur la brusto de la kontraŭulo. Ĉio estas malagrabla al amanto ĉagrenata. Ŝajnas al li vidi grimacojn mokantajn ĉirkaŭ li. Eĉ la bela amikino havas jam alian vizaĝon kiun neniam ŝi havis dum tempoj de intima amikeco, ju pli proksimaj, des pli malproksimaj pro la doloro. Kaj ŝia voĉo havas tonojn, kiujn antaŭe li ne sciis aŭskulti. Kaj ŝia figuro sekretan graciecon havas, kiun neniam li sciis percepti. Dolĉa amikino, dolĉa amikino! Kiel la ĉagrenoj kaŭzataj de la amo rompas la flugilojn de l' koro!

En maro da konfuzoj dronas la penso de la ĉagrenata amanto. Nenio estas logika; ĉio estas absurda kaj maltrankviliganta kiam unua amo frakasiĝas. La aĵoj kaj la koro perdis sian kontakton. Ŝajnas, ke la ideoj doloriĝas la cerbon; ŝajnas, ke la doloroj ĝojas en la rompitaj internajoj. Ĉu ni promenas tra nuboj borderitaj el oro, ĉu ni plaŭdas en la kotejo de kolereto. Kaj neutilaj estas konsiloj de amiko diligenta:

Tion vi ne devas fari,
Kamarad', pro vivo via!;
el la miaj tri fratinoj,
elektu la plej gracian.

Venko tre malgranda post malvenko tiel granda. Ne estas balzamo kuraconta la cikatron de la amanto ĉagrenata. La venĝo estas ja, por la koro, la plej granda el malnoblaĵoj. Nur rezignacio estas kuracilo:

Ŝin mi ne volas por edzin'
nek la amikecon ŝian;
ĉar tiun, kiun mi amas,
ĝui mi povos neniam!!!

Kaj la korvundita amanto spertas, fine, ke tial ke li ne povis ĝui ŝin, li feliĉiĝos eterne ŝin rememorante, rememoro pri ŝi ju pli malproksima, des pli radiluma kaj amata.

### MALGAJA ESTIS LA KAVALIRO...

—Malgaja, sen ĝojo ia—. Sen ĝojo, ne. La anonima diranto de la Romancaro volis esprimi ne estas pli granda ĝojigilo ol malĝojo de la koro kiam ĉi tiu ĝuas siajn esperojn en la dolĉeco—tiel maldolĉa—de l' foresto. Soleco de koro sin nutranta el forestantaj amoj!

Kun la okuloj plenlarmaj,
diranta ia buŝo lia:
«Kien estas mia feliĉ'?
Kien la mastrino mia?»

La animo de amanto via, sen akompananto, iras serĉante vin, belulino! Tre bone vi tion scias. Je ĉiu horo, du mil mortojn por li mem deziras tiu, kiu tro amas vin. Ha, kia feliĉo servi vin, feliĉo neniam sufiĉe laŭdata! Kaj tiel, laŭ ordo elmontrita, elgrenigas siajn malĝojojn—tiel ĝojaj—la amanto de la Romancaro, scianta esti amata de la forestantino.



POSTĤOREJO DE LA KATEDRALO.—SEVILLA

Dum oni amas, nur estas libereco kiam la spirito sin sentas sklava. Ĉi tiu kaj ne alia estas la filozofio de la ĉarma romanco.

Ĉar kondamnos min la vivo
al servut' kaj blindec' iam,
se mankas ŝia konsolo,
bezonata de mi ĉiam!!!

Kaj estingiĝas je sopiro, je dolĉa brueta-do de flugiloj batantaj, ĉi tiu kanto, kiun kortegana poeto verkis eble ĉe l' Arno, aŭ rigardante, eble en *Bolonia*, dum printempa nokto, lampirojn kuretantajn sur la altajoj de *San Miguel*, lumigantajn la nigrecon de la du turoj, *Asniela* kaj *Garisenda*.

Hispane verkis,
*José Sánchez Rojas*

Tradukis *J. M. Rosenörn*

# DIRO DE SAĜA PATRINO (1)

Super mia litkusen',
Akvon benitan mi havas;
Anĝelet', kun flugiloj
Etendataj, gardist' ŝajnas.
Haroj blondaj kiel or'
Lian kapeton ornamas,
Tute ŝajnas kvazaŭ li
Ridetas kaj min rigardas.
«Anĝel' mi volas esti!»
Al patrinet' mi ekkrias.
Min ŝi ĉirkaŭpremanta,
Ekploranta jenon diras!
«Via mortintfratinet'
Anĝel' estas en ĉielo;
Vi devas, kara filin'
Anĝel' esti sur la tero!»

El kataluna lingvo tradukis,
*Maria Julivert*

Vendrell, Julio, 1919.

(1) Tiel ke oni ne konas titolon de ĉi tui verko, oni tiel titoligis ĝin.

# IO por la nomoj de nacioj

Ni respektas ĉiajn opiniojn rilate uzi *uj* kaj ne *io* por la nomoj de nacioj; kaj dezir-as elmontri la nian: ni akceptis *io*, ne tial ke «Esperanto» ĝin akceptis, ne, neniel, ĉar ni ne estas tute konformaj pri la uzo de nia lingvo farata de tiu ĉi gazeto, opiniante ne estas tute *fundamenta;* jes, tial ke ni konscias ke *io* estas perfekte fundamenta, ĉar nia kara Majstro donis ĝin al ni en sia elpenso. *Meksikio* kaj *Alĝerio* por esprimi la landojn; kial, do, ne ĝeneraligi por ceteraj nacinom-oj? Ĝi estas al ni pli belsona, ol *uj*. Okazas al ni pri *uj* por nomoj de nacioj same, kiel por la nomoj de arboj; ni nur ŝatas *uj* por sprimi skatolon; tial, ni preferas diri *pomar-bo, kotonarbo,* anstataŭ *pomujo, kotonujo. Mi mendis pomujon,* ĉu arbon?, ĉu skatolon por eksporti pomojn? Povas esti dubo; kom-preneble ne, kiam propozicioj aliaj diras al ni veran signifon; same, ni bone komprenas, ke, kiam ni skribas aŭ parolas *hispanujo*, ne-niu kredos, ke ni skribas aŭ parolas pri ĉer-ko por hispano. Ke ni ŝatu *io* por la nomoj de nacioj, kaj ke ni ŝatu paroli aŭ skribi *pormarbo*, k. c., ne volas esprimi ke *uj* oni ne devas uzi anstataŭ *io* kaj *arbo*, sed ni opi-nias ke *io* estas *fundamenta*, kaj tial ni ĝin uzas.

# KIAM MI RAJDAS?

Al la kamparo mi rajdas
kiam sun' subiri finas;
kiam, la birdoj amemaj,
ŝajnas, ke kore sopiras,
tial ke enamiĝadon
ravan haltigi devigas
al ili la tujaj ombroj
de l' nokt', kiujn ili timas
—tiom!—ke je la krepusko
en la nestojn rifuĝiĝas;
kiam muŝoj kruelecon



FLANKĤOREJO DE LA KATEDRALO.—SEVILL

perdas kaj pacon akiras,
kaj la mian noblan bruton
furioze jam ne pikas,
ĉar la varmo de la suno
jam plu ilin ne ekscitas;
kiam majestan trankvilon
belan Naturo akiras,
kaj ĝi, ĉiam amantema
kaj malavara, invitas
nin en la plej dolĉan ĝuon,
kiun kanti mi ne scias;
kiam, avidaj je pura
aero, la pulmoj spiras
perfekte; kiam animon
ĉio tutplene ĝojigas,
kaj alten, alten, tre alten,
rapide la penso iras,
kvazaŭ farante petpreĝon,
al kiu min tuj incitas
la rememoro pri io
kion la kor' ambicias;
kiam pro tio, avide,
miaj okuloj rapidas
sin direkti malproksimen,
de kie ŝi min altiras
kvazaŭ potenca magneto.
Tiam mi rajdas; mi vipas
la mian ĉevalon noblan,
delikate ĝin instigas
mi; ĝi trotas, ĝi galopas
.........................
Ŝajnas ke alproksimiĝas
la celo de mia koro,
kaj en plena rev' mi miras
ĉar feliĉa mi min sentas!
.........................
.........................
Sed, ho, ve! Bruege ridas
iu, kiu mokegas min,
kiu ŝercojn al mi diras...
.........................!
Ve! Tre rapide la revoj
falas! Mi baldaŭ konscias:
la bruetanta spirado
de *Alloin*, kiu ŝvitas,
al la mond' de l' realeco
kruela min alvenigas.
«Ha, nobla, nobla *Alloin!*» —
mi pentita tuj ekkrias,
dum, sur la ĝia kol' bela,
tre rapide mi min klinas
por ĝin karesi ameme:
kaj ĝi dankema montriĝas,
ĉar turnas la sian kapon
al mi. Mi gin ripozigas,
kaj al ĝi alparolante,
al la urbo mi ĝin gvidas,
kiam jam silento regas,
kiam la birdoj ne trilas,
tial ke ĉiuj jam dormas,
kiam la cikadoj grincas;
kun dolor' dolĉa en koro
hejmen mi returneniras!

*Simplulo*

---

Oni petas por ĉi tiu revuo raportet-on ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn,*** Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.° 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.

---

# AL LA FLAMEGO

(PROZA FABELO)

—Venu tien ĉi, papilio, ĉar mi ne volas dormi pro la plezuro lumigi cin—diris la luma vermo—; ciaj flugiloj estas tiel blankaj kiel la folioj de la jazmeno, kaj ci havas fajrkoloran franĝon, kiun mi ekskluzive vidis en la ĉielo kaj ankaŭ en ciaj nesimiligeblaj flugiloj. Mia lumo falas sur la festonajn foliojn de tiu ĉi duobla dianto, por ke ci haltu kaj enspiru ĝian aromon kaj samtempe sorbu la mielon, kiu ekzistas en ĝiaj vejnoj.

Venu, papilio, kaj agitu ciajn flugiletojn super mi, kaj parfumu tiujn ĉi branĉojn per la roza polveto, kiun ci dissemas ĉiam kiam ci ekflugas.

—Ridetis iomete la papilio, kaj ekdiris—cia lumo ne estas mirinda!, rigardu atente

tien supren kaj komparu tiujn helajn lummojn kun cia malriĉa filumo.

— Ja mi scias tion: tien brilas la belaj steloj kaj stelegoj sed ili estas tre malproksimaj kaj estus por ci neatingeblaj.

—Kaj tiu floro plenluma, kiu en la vidinda kaj gajega ĝardeno estas envolvata en diafana palaco?

—Tiu lumo brulas, ĝi estas gasa lanterno, ne alproksimiĝu cian delikatan kaj subtilan korpon.

—Ĉu vi volas ke mi rezigniĝu en tiu ĉi mallumeco? Ĉu vi ne diras, ke mi estas tre bela? Ke mi posedas belegan veston? Adiaŭ!

—Kien vi forflugas?

—Brili momente kaj subite malaperi inter la flamoj.

Tradukis laŭlitere el hispana lingvo,
*Gabriel Chavero*

---

Estas kolektoj de 1917 kaj 1918 po KVIN pesetoj (Du spesmiloj) ĉiu kolekto. Oni akceptas respondkuponojn

---

# PRI VEGETARISMO

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Oni legas mire sur la gazetoj la kruelaĵoj de la milito de Ĥinujo, kiuj ŝajnas inkubo, sed ne terura okazintaĵo. Kiel estas eble ke viroj, karesitaj iam de siaj patrinoj, viroj aŭskultintaj feliĉe en lernejoj vortojn pri boneco kaj justeco, kiel estas eble ke tiuj sovaĝbestoj kun homa vizaĝo, ĝuu ligante la ĥinojn unuj al aliaj per iliaj vestoj aŭ iliaj harplektaĵoj por ĵeti ilin en la riveron? Kiel estas eble ke ili mortigu la vunditojn kaj ke ili fosigu al mortpafotoj iliajn tombojn? Kiuj estas tiuj asasinantoj? Ili estas niaj similuloj, kiuj studas, legas kiel ni, kiuj havas amikojn, edzinon aŭ fianĉinon, kiujn ni frue-malfrue trovos, salutos kaj manpremos ne rimarkante la sangon verŝitan. Sed ĉu ne estas ia rilato inter la nutrado de tiuj ekzekutistoj al si nomantaj «civilizitaj», kaj iliaj agoj, kaj kiel efekto? Ili ankaŭ sin kutimis laŭdi la efikon de l' sangohava viando por naski sanon, forton kaj in elekton. Ili ankaŭ eniras maltede en viandovendejojn kaj bestmortigejojn, kie oni ĝlitas sur duberuĝa planko kaj kie oni enspiras la akran odoron de la sango. Cu eble estas tiel malsimilaj la kadavroj de bovo kaj de homo? La disigitaj membroj, la miksitaj internaĵoj de l' unua tre similas tiu de l' dua; la mortigo de l' besto faciligas la asasinon de l' homo, precipe kiam estro tion ordonas kaj kiam oni aŭdas la vortojn de ia kronita sinjoro: «Ne havu kompaton».

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ne estas maloportune citi la terurojn de l' milito por trakti pri l' mortigado de vestoj kaj manĝofestoj de la viandomanĝuloj. La metodo pri nutrado respondas tute al kutimoj de l' estaĵoj.

Sango alvokas sangon. Ĉiu povas rememori siajn konatulojn kaj kompari tiujn kiuj manĝas multe da viando kaj plaĉas trinki sangon, kun la vegetarismuloj kaj iliaj sanaj kutimoj, ilia milda karaktero, kaj la egaleco de ilia vivo.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Por la plimulto de l' vegetarismuloj la afero ne estas scii ĉu iliaj muskoloj estas pli fortaj ol tiuj de viandomanĝuloj, aŭ iliaj korpoj pli taŭgaj por venki malsanojn kaj mortodanĝerojn, kvankam, tio ja estas grava. Ili volas etendi al niaj pli junaj fratoj, la vestoj, la senton, kiu finigis la kanibalismon. La argumentoj, kiujn antaŭ longe povis diri la homomanĝuloj por ne forigi el sia nutrado la homan viandon, estas la samaj kiujn hodiaŭ uzas la viandomanĝuloj. La ĉevalo, la bovo, la cervo kaj la kuniklo, pli utilaj estas kiel amikoj, ol kiel viando. Ni deziras ilin konservi, ĉu kiel kamaradoj de l' laboro, ĉu simple kiel partoprenanto en la gajeco de vivo kaj amo.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Sed ni ne intencas starigi novan religion kaj ĝin obei fanatike. Ni volas nur igi la ekzistadon tiel bela kiel eble, kaj akordigi

ĝin, laŭ niaj fortoj, al estetikaj kondiĉoj de la medio.

Tiel kiel niaj antaŭuloj sentis naŭzojn antaŭ la homa viando kaj iam decidis ne ornami plu siajn tablojn el la karno de siaj similuloj; tiel kiel nune estas multaj viandòmanĝuloj, kiuj ne volas manĝi viandon el nobla ĉevalo, amiko de l' homo, el hundo kaj el kato, la karesataj loĝantoj de l' hejmo; tiel estas naŭze por ni manĝi la karnon kaj trinki la sangon de l' bovo, la terkulturista besto, kiu havigas al ni panon. Ni deziregas ne aŭdi plu la voĉon de l' ŝafidoj, la blekon de l' bovinoj, la kriojn de l' porkoj marŝantaj al buĉejo. Ni deziregas la alvenon de l' tago kiam ni ne rapidiros por ne suferi pasante preter mortigejo kun ĝiaj sangaj riveretoj, ĝiaj vicoj de pintohavaj feroj el kiuj pendas kadavroj, ĝia servantaro makulita je sango kaj armita je tranĉilegoj. Unuvorte, ni deziras vivi kie ne estu viandovendejoj plenaj je kadavroj apud silk- aŭ juvelvendejoj, kontraŭ epoteko, fruktovendejo, aŭ librejo kun artaj statuoj kaj belaj gravuraĵoj. Ni volas medion ŝatantan la vivsenton kaj harmoniiĝantan kun la belo. Kaj ĉar la fiziologoj, aŭ pliĝuste, nia propra eksperta do certigas ke tiu nutrado ne estas necesa por subteni nian vivon, ni forigos tiujn abomenindajn nutraĵojn, kiujn tiel multe ŝatis niaj antaŭuloj kaj la plimulto el niaj samtempuloj. Ni esperas ke post nelonge tiuj lastaj hontos sufiĉe por kaŝi sian nutradon. La buĉejoj estas jam en izolitaj kvartaloj, ke la viandovendejoj estu ankaŭ en samaj lokoj.

.......... ..................................

Ĉia malbelaĵo de l' homoj, de ĝiaj agoj, de la vivo, de la naturo, de la medio: jen la ĉefa malamiko. Beliĝu ni mem, kaj ke nia vivo estu bela.

*Elysée Reclus*

(El «La Reforme Alimentaire», Marto 1901.ª)

★ ★ ★


# ZAMENHOFA FEDERACIO

Celas unuigi Esperantistojn kaj progresigi Esperanton, kaj por ĉi tio eldonas oficialan organon,

## Hispana Esperantisto

ILUSTRITA REVUO MONATA

kiun ricevos senpage *Protektantaj Zamenhofanoj* kaj *Protektantoj*, kiel esperantaĵojn aliajn laŭ eble. Por efektivigi la celon, Hispanaj Protektantaj Zamenhofanoj pagas *tri pesetojn*, jare; fremdaj Protektantaj Zamenhofanoj, *du spesmilojn* jare. *Protektantoj* estas Esperantistoj hispanaj aŭ fremdaj, kiuj, pro cirkonstancoj, ne volas akcepti la nomon *Zamenhofano*, kaj pagas: la hispanaj, *kvar pesetojn;* la fremdaj, *du Sm.* 400 s. Sendu kotizaĵojn poŝtmandate aŭ respondkupone.

Estas kolektoj de la jaroj 1917 kaj 1918.

Sendu la kotizaĵojn, originalojn, revuojn, kaj ĉion pri Esperanto al *S-ro Julio Mangada Rosenörn, Komandanto de la Infanteria Regimento «Galicia» 19, Jaca (Huesca) Hispanio.*

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la VORTLUDO

| | | |
|---|---|---|
| IN | FOR | MI |
| FOR | GE | SI |
| MI | SI | O |

Solvo de la HIEROGLIFO: KARTONO = KARTONO.

Sendis la solvojn: S-ro L. Rodríguez, el Madrido; P. Naranjo, el Jerez, kaj G. Fernández, ankaŭ el Madrido, nur tiun de la Hieroglifo.

## LITERLUDO

| | |
|---|---|
| a | = MALMOLIĜINTA HAŬTO |
| e | = SUBTERA SPACO |
| i | = ŜIPA TRABO |
| o | = KORPA PARTO |
| u | = INSEKTO |

Anstataŭu la vertikalajn strekojn per literoj komunaj por la kvin vokaloj.

## SPRITLUDO




Anstataŭu vertikalajn strekojn per literoj tiel altaj kiel la strekoj kaj vi havos radikojn.

Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). - Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanio) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

F-ino María Luisa G. Caamaño. Instruistino. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras korespondadi kun alilandaj geinstruistoj esperantistaj pri pedagogiaj procedoj.

---

S-ro Leopold Temerson; politeknika studento; strato Szeroka, 6, Łodra Banko. *Radom* (Polujo).—Deziras korespondadi kun alilanduloj.

---

Aleksandro Mora; strato Serrano, 4, 1.º *Tarrasa* (Barcelona-Hispanio).—Volonte korespondados kun ĉiulandaj gesamideanoj, Ĉiam tuj respondos.

---

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

---

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. I. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

---

S-ro Johano Serra, strato Cervantes, 8. *Tarrasa* (Hispanio).—Deziras interŝanĝi leterojn aŭ poŝtkartojn kun geesperantistoj el ĉiuj landoj.

---

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

---

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla-Hispanio), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.


## KOMERCISTOJ KAJ INDUSTRIISTOJ

ĉu vi volas vendi viaj komercaĵojn kaj industriaĵojn? Skribu al

**S-roj Serrano kaj Obregón**

**Strato G. de los Ríos, 40.--CÓRDOBA (Hispanio)**

komisiisto kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.


Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid